# BEL informas

*n-ro 04/2014*

*la 2an de februaro 2014*

*2 de fevereiro de 2014*

## 49-a BKE/34-a BEJK: florianopola sukceso!

En la 28-a de januaro estis fermitaj la 49-a Brazila Kongreso de Esperanto kaj la 34-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso, plensukcesaj, kune kun la 12-a Infana Kongreseto. Via BEL Informas portos en la venontaj semajnoj multajn novaĵojn pri tio, kio okazis. Bonatentu. Ĉi-numere konatiĝu kun la nova estraro de BEJO kaj baldaŭ kun la rezolucio de la 49-a BKE.

*BEL/BEJO*

## 49º BKE/34º BEJK: sucesso em Florianópolis

Em 28 de janeiro foram encerrados os 49º Congresso Brasileiro de Esperanto e 34º Congresso da Juventude Esperantista Brasileiras, considerados um sucesso, juntamente com o 12º Congressinho Infantil. O seu BEL Informas vai trazer nas próximas semanas muitas novidades sobre o que aconteceu. Fique atento. Neste número, conheça a nova diretoria da BEJO e em breve a resolução do 49º BKE.

*BEL/BEJO*

## Nova BEJO-estraro elektita

## Eleita nova diretoria da BEJO

*Fernando, Anna kaj Allan.*

Ni informas, ke estis elektita dum la Ordinara Ĝenerala Asembleo de la Brazila Esperantista Junulara Organizo (BEJO) la novan estraron por la jarduo 2014-2015, kies anoj estas Fernando Maia Jr. (Arakaĵuo/SE) kiel prezidanto, Anna Lobo (San-Paŭlo/SP) kiel sekretariino, Allan Argolo (Rio-de-Ĵanejro/RJ) kiel kasisto, Rafael Zerbetto (Kampino/SP), Juliana Evandro (Fortalezo/CE) kaj Matheus Pereira (Torres/RS) kiel membroj de la fiska konsilantaro kaj Eveline Paula (Macaé/RJ) kiel anstataŭanto.

Informamos que foi eleita durante a Assembleia Geral Ordinária da Organização da Juventude Esperantista Brasileira (BEJO) a nova diretoria para o biênio 2014-2015, tendo como integrantes o presidente Fernando Maia Jr. (Aracaju/SE), a secretária Anna Lobo (São Paulo/SP), o tesoureiro Allan Argolo (Rio de Janeiro/RJ), os membros do conselho fiscal Rafael Zerbetto (Campinas/SP), Juliana Evandro (Fortaleza/CE) e Matheus Pereira (Torres/RS) e a suplente Eveline Paula (Macaé/RJ).

*Rafael, Juliana, Matheus e Eveline.*

*34-a BEJK*

*34º BEJK*

**BEL/BEJK 2015 - Rio atendas vin!**

**BEL/BEJK 2015 - O Rio te espera!**

Post sukcesoplena Florianopolo, Rio jam atendas vin ĉiujn, de la 23-a ĝis la 27-a de januaro 2015! Por aliĝi al 50-a BKE/35-a BEJK, musklaku ĉi tie.

*BEL/BEJO*

Após o sucesso de Florianópolis, o o Rio já espera por todos vocês, de 23 a 27 de janeiro de 2015! Para inscrever-se no 50º BKE/35º BEJK, clique aqui

*BEL/BEJO*

**Nova limdato por IKU**

Eblos proponi prelegojn por la Internacia Kongresa Universitato de la 99-a Universala Kongreso en Bonaero (la 26-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto 2014) ĝis la fino de februaro.

**Novo prazo para a UIC**

Será possível propor palestras para a Universidade Internacional (UIC ou IKU em Esperanto) do 99° Congresso Internacional de
Esperanto em Buenos Aires (de 26 de julho a 2 de agosto de 2014) até o fim de fevereiro.

La IKU-sesio en Bonaero estos jam la 65-a en la historio de Esperanto. UEA invitas universitatajn profesorojn, docentojn kaj personojn kun simila kvalifiko sendi proponojn pri prelegoj ĝis antaŭ la 28-a de februaro 2014 al la sekretario de IKU, Prof. Amri Wandel, rete (amri@huji.ac.il) aŭ paperpoŝte (PK 767, IL-71799 Makabim, Modiin, Israelo).

A seção da UIC em Buenos Aires será a 65° na história do Esperanto. A Associação Mundial de Esperanto (UEA) convida professores universitários, docentes e pessoas com qualificação similar para propor palestras até o dia 28/02/2014 ao secretário da UIC, Prof. Amri Wandel, via internet (amri@huji.ac.il) ou por carta (PK 767, IL-71799 Makabim, Modiin, Israel).

Lige kun IKU okazos studsesioj de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS). Proponantoj de IKU-prelego povas samtempe proponi AIS-kurson, kies unua prelego estos parto de IKU kaj kiu aldone havos du daŭrigajn prelegojn. Oni bv. indiki, ĉu la IKU-propono estu konsiderata ankaŭ kiel AIS-kurso.

Juntamente, haverá seminários da Academia Internacional de Ciências (AIS). Cada proponente da UIC poderá propor também um curso para a AIS, sendo a primeira palestra parte da UIC, seguida por outras duas. Favor explicitar se a proposta para a UIC também será considerada como proposta de curso para a AIS.

La prelegoj estu taŭgaj por klera publiko kaj pri interesaj, allogaj temoj. Aparte bonvenaj estas prelegoj lige kun la kongresa temo, "Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco", sed same bonvenas ankaŭ prelegproponoj pri aliaj temoj. Ĉiu propono enhavu mallongan resumon de la prelego kaj koncizan biografieton de la prelegonto, kune ne pli ol unu paĝo.

As palestras devem ser adequadas para um público erudito e tratar de temas interessantes. São especialmente bem-vindas aquelas ligadas ao tema do congresso, "Os netos nos agradecerão? Esforços por um futuro sustentável", mas também são bem-vindas palestras sobre outros temas. Cada proposta deve conter breve resumo da palestra e biografia concisa do proponente, ao todo no máximo uma página.

Ĉiu preleganto devas esti kongresano kaj mem zorgi pri sia aliĝo. Akceptita prelego estos rekompencita per honorario de 260 EUR. Pliaj detaloj kaj antaŭaj prelegoj kaj resumoj troviĝas ĉe uea.org/dokumentoj/IKU.

*UEA*

Cada proponente deve estar inscrito no congresso e cuidar pessoalmente de sua inscrição. Palestras aceitas receberão honorários de 260 euros. Mais detalhes, palestras anteriores e resumos podem ser encontrados em uea.org/dokumentoj/IKU.

*UEA*

**Atenton! BEL Informas volas scii: kiuj estas niaj venontaj eventoj?**

**Atenção! O BEL Informas quer saber: quais são nossos próximos eventos?**

Sennombro da eventoj okazas en Brazilo dum la tuta jaro. Parto de la misio de Brazila Esperanto-Ligo estas ilin disvastigi al ĉiuj, kaj BEL Informas estas komunikservo je la dispono de nia tuta komunumo. Sendu al ni novaĵojn
pri eventoj en via regiono - miloj da homoj scios pri ili kaj igos ilin
sukcesaj pere de nia BEL Informas. Ni atendas!

São inúmeros os eventos de Esperanto no Brasil durante todo o ano. Uma das missões da Liga Brasileira de Esperanto é divulgá-los, e o BEL Informas é um serviço que está à disposição de toda a comunidade. Contenos de eventos em sua região - milhares poderão inteirar-se deles e garantir seu sucesso com nosso BEL Informas. Estamos aguardando!

Klaku ĉi tie por scii kiel sendi viajn novaĵojn.

Clique aqui para saber como enviar suas novidades.

| *Teamo de BEL Informas* | *Equipe BEL Informas* |
|---|---|

| | |
|---|---|
| **Aliĝu al niaj komunumoj ĉe Facebook kaj Google +** |  **Conecte-se a nossas comunidades no Facebook e Google +** |
|  |  |
| **BEL invitas: vizitu kaj ŝatu nian paĝon ĉe facebook!** | **BEL convida: visite e curta nossa página no face!** |
|  |  |

**[www.facebook.com/brazilaesperantoligo](http://www.facebook.com/brazilaesperantoligo)**

Ĉu vi jam realiĝis al BEL ?
Você já se refiliou à BEL ?

| **Novaj en via BEL@Butiko:** | **Novos em sua BEL@Butiko:** |
|---|---|

[www.belabutiko.esperanto.org.br](http://www.belabutiko.esperanto.org.br)

[belabutiko@esperanto.org.br](mailto:belabutiko@esperanto.org.br)

Esperantologio / Esperanto Studies - kajero 6 - Materialoj pri
Esperanto-rilataj temoj, pola kulturo en la tempo de Zamenhof kaj transpiranto.
Nur R$ 45,40!

Rakontoj ne nur ŝercaj - Dudeko da mallongaj, spritaj rakontoj, inter kiuj kelkaj premiitaj.
Nur R$ 27,04!

Profesia uzo de Esperanto - kaj ĝiaj specifaj trajtoj - Unue prelego de profesia uzanto de Esperanto, nun vera eseego. Nur R$ 30,91!

La Dresdena Sinjorina Preĝejo - Kroniko de la jaro 1000 ĝis hodiaŭ pri la preĝejo simbolo de Dresdeno.
Nur R$ 36,70!

**www.belabutiko.esperanto.org.br**

Francisco Mattos
belabutiko@esperanto.org.br

# Ni laboru kune!

**Boletim bilíngue da Liga Brasileira de Esperanto**
**Dulingva bulteno de Brazila Esperanto-Ligo**

SDS Ed. Venâncio III Sala 303, Brasília - DF, CEP 70.393-902
Telefones: (61) 3226-1298  Fax: (61) 3226-4446

**Kunlaborantoj**: Affonso Soares, Anna Lobo, Antonio Felix, Bert Schumann, Carlos Pereira, Diego Ribeiro, Emmanoel Lima, Emilio Cid, Eurípedes Barbosa, Evandro Avellar, Evandro Caboclo, Fabiano Henrique, Fabio Monteiro, Fabio Santos, Fernando Maia, Flávio Gomes, Francisco Mattos, Joe Bazilio, Luís Guilherme Jardim, Márcio Santos, Paulo Nascentes, Paulo Sérgio Viana, Rafael Zerbetto, Walter Fontes, Wesley Jefferson.

## Sendu kontribuojn al bel.informas@gmail.com

**Ricevu BEL Informas per via retadreso**
**Receba BEL Informas em seu email**

# www.esperanto.com.br/bel